Esperanto-Numismatika Asocio



Esperanta Numismatiko 2017 Jarkolekto 4 - Numero 3



# *E N H A V O T A B E L O*

## de julio 2017



Tajpado & paĝaranĝo: Vivienne Tudts

bert.boon@skynet.be

Provlegado: Jozefo Horvath

www.esperanto.es/biblioteko

Kunlaborantaj redaktoroj: ĉu VI? Dankon!

www.kolektado.esperanto.cc

Finredaktoro: Bert Boon

# *DE NI POR ... NI!*

Numismatiko garantias kaj konservas heredaĵojn de la homa kulturo. UNESKO konsideras kvin aktivecojn kiel multvalorajn: dokumenti, esplori, atentigi kaj komuniki, krome instrui kaj revivigi. En ĉiu el tiuj agadoj ENA strebas atingi rezultojn, raportatajn en la ENA-revuo.

Aspekto de atentigo kaj komuniko, nome instiga kampanjo, unuafoje sukcesos dum la venonta UK. Ni atentigis la Lokan Kongresan Komitaton (LKK) de Seulo pri la ekzisto kaj karismo de antaŭaj UK-medaloj. Kaj ni sukcesis konvinki ilin: ili serioze intencas aperigi la unuan UK-medalon de la 2a UK-jarcento! Antaŭ nelonge sinjoro KANG Hongu, membro de la seula LKK kaj fakulo pri filatelo, konfirmis al nia redakcio la baldaŭan lanĉon de korea medalo – probable nur 300 ekzempleroj – do, vere raraĵo kaj unikaĵo! Evidente ENA tiel kaj tial intencas konvinki ankaŭ la komitaton kiu organizos la UK-n venontjare en Lisbono, Portugalio.

Alia speco de ENA- kampanjo, dum la tri lastaj monatoj, ankaŭ ne estis sen sukceso. Dissendo de nia varbilo al kolektitaj retaj adresoj de (nekonataj) esperantistoj (vidu sur la lasta paĝo) alportis denove kelkajn novajn, individuajn membrojn:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 78 | André Ruysschaert | LU | 18.04.2017 |
| 79 | Heinz-Paul Kovacic | AT | 20.04.2017 |
| 80 | Katja Lödör | BE | 29.04.2017 |
| 81 | André Van Melckebeke | BE | 18.05.2017 |
| 82 | Garry Evans | CA | 26.05.2017 |

**Efika kaj de ni ŝatota subteno de vi, karaj gelegantoj, estus sendo de nia varbilo perrete al aliaj gesamideanoj, kiuj ankoraŭ ne konas ENA-n aŭ sendo de tiaj adresoj al nia redakcia adreso, por ke ni povu uzi ilin varbcele. Antaŭdankon!**

Ĉi-foje ni ne volas detale paroli pri la enhavo de la diversaj rubrikoj. Do ni donos al vi la okazon por mem malkovri novajn medalojn kaj aliajn aspektojn de la Esperanto-numismatiko. Ni tamen ne forgesu deziri al vi ĉiuj multan ĝojon dum la legado de la novaĵoj. Kaj, kiel ni jam ofte emfazis, viaj salutoj, reagoj kaj diversspecaj komentoj estas vere tute bonvenaj!

*Ni erare sciigis en la antaŭa numero, ke nia Walter Klag preparus eldonon de nova stelo-monero "por rememorigi la centjaran datrevenon ĉi-jare de la forpaso de L.L. Zamenhof". La vera kialo estas la datreveno de la 150a naskiĝtago de René de Saussure (1868-1943). Pardonpeton, Walter!*

Parenteze, ĉu iu el vi jam aŭdis pri eldono de medalo okaze de la 100a datreveno de la zamenhofa forpaso? ENA bedaŭrinde aŭdis nenion…ĝis nun!

Bert

## Tipo: D1 Unuflankaj medaloj

# Federacio Kataluna 1924




Lando: Hispanio

Metalo: bronzo

Diametro: 30 mm

Jaro: 1924

Kvanto: nekonata

Pezo: 11,10 g

Medalisto: nekonata

### *Averso:*

Fronta bildo de la zamenhofa busto. En la fono, dekstre kaj maldekstre de la busto: panoramo de la urbo Vich. Ĉirkaŭa skribo: “XI[A]ESP·KON·K·E·F·VICH1924”

### *Rimarko1:*

Vich estas komunumo en la provinco Barcelono.

### *Rimarko 2:*

K.E.F. =Kataluna Esperanto-Federacio.

## Tipo: D1 Unuflankaj medaloj

# Ĉeĥa jubilea medalo 1987




| | |
|---|---|
| Lando: Ĉeĥio | Kvanto: nekonata |
| Metalo: latuno | Pezo: 75 g |
| Diametro: 50,5 mm | Medalisto: Harcuba |
| Jaro: 1987 | Diko: 6,5 mm |

### *Averso:*

Entranĉo en la mezo kun bildo de monumento, steleto kaj etmajuskla skribo:
"ĈEĤA ESPERANTO ASOCIO 1987 HARCUBA"

### *Rando:*

La nomo de la medalisto: Harcuba

### *Rimarko1:*

Vidu la rubrikon "terminaro" en ĉi numero (konveksa / konkava). La medalo estas konveksa.

### *Rimarko 2:*

Foto sur la sekvanta paĝo de ekspozicio en Svitavy (Ĉeĥio). Estis tiam ankaŭ montrita pli granda, brila plaketo, preskaŭ samaspekta kiel la medalo. Mankas provizore informoj pri ĝi.

**Tipo: A1 Esperanto-medaloj**

Bjalistoko 1987 (1)







Lando: Pollando

Metalo: latuno

Diametro: 125 mm

Jaro: 1987

Kvanto: nekonata

Pezo: 470 g

Medalisto: nekonata

Diko: 5,5 mm





***Averso:***

Busto de Zamenhof kun lia nomo subskribe.

Surskribo: CENT JAROJ DE LA LINGVO ESPERANTO.

***Reverso:***

BIALISTOKO1987. En la unua litero O estas kartuŝe la litova kaj la pola blazonoj. En la alia O: Esperanto-steleto kun litero E.

***Rimarko1:***

Muldita medalo.

***Rimarko 2:***

Memorigas pri la centjara jubileo de Esperanto.

***Rimarko 3:***

Bjalistoko estis la naskiĝurbo de Zamenhof. Sur la foto: la zamenhofa naskiĝdomo.



## Tipo: A1 Esperanto-medaloj

# Bjalistoko 1987 (2)




Lando: Pollando

Metalo: latuno

Diametro: 106 mm

Jaro: 1987

Kvanto: nekonata

Pezo: 370 g

Medalisto: nekonata

Diko: 5,5 mm

### *Averso:*

Meze: stiligita branĉo kun folio, sur ĝi Esperante: BJALISTOKO ’87. Fone: stiligita terglobo.

Ĉirkaŭe: MIĘDZYNARODOWEGO RUCHU ESPERANTO (de la Internacia Movado Esperanto)

Sube: (inter romboformaj punktoj): ♦ 100 LAT ♦ (100 jaroj)

### *Reverso:*

Busto de Zamenhof kaj surskribo: DR  LUDWIK  ZAMENHOF  1859-1917

### *Rimarko 1:*

Muldita medalo.

### *Rimarko 2:*

Sur la kolo: eta tridento aŭ greka litero psi, signo de la monfarejestro aŭ de la monfarejo.

**Tipo: A1 Esperanto-medaloj (varianto)**

## Memore al la fondo de "La Hirundo"







| | |
|---|---|
| Lando: Belgio | Kvanto: 2 |
| Metalo: stano | Pezo: 290,16 g |
| Diametro: 104 mm | Medalisto: nekonata |
| Jaro: 1994 | Diko: 4 mm |

### *Averso:*

Kiel la averso de la medalo sur paĝo 9.

### *Reverso:*

Gravurita teksto: Memore de la fondo en la 1992a jaro de la Esperanto-Asocio LA HIRUNDO fare de Niko kaj Bert Boon   Tienen 1994.

### *Rimarko 1:*

Maldekstre sur la reverso: sigelo de la stanmuldejo.



### *Rimarko 2:*

Muldita medalo. La uzo de stano por medaloj estis/estas malofta.

### *Rimarko 3:*

"La Hirundo" estis la tria Esperanto-Grupo en la belga urbo Tienen. Ĝi estis aktiva de 1992 ĝis la fino de 2017.

# *S P I K U M A Ĵ O J   K A J   S U P L E M E N T O J*

## Listo de la Shinoda-premiitoj







1974: d-ro István Hegyi kaj d-ro János Török (Hungario)
1975: d-ro Carlos Lima Melo kaj d-ino Cortez Rodrigues (Brazilo)
1976: d-ro Yoshio Taguchi kaj kunlaborantoj (Japanio)
1977: d-ro Jozefo Megyeri (Hungario)
1978: d-ro A. Bogdanov (Sovetunio), d-ro Wim De Smet (Belgio), pro grava artikolo aperinta en MIR.
1978: d-ro Paul Kempeneers (Belgio), d-ro Seiho Nishi (Japanio), d-ro Masao Suzuki (Japanio), d-ro Imre Ferenczy (Hungario), pro iliaj longjaraj gravaj kontribuoj al UMEA.
1979: d-ro Jean-Luc Tortel (Francio), d-ro Lajos Molnár (Hungario)
1980: d-ro Marian Laba (Pollando), d-ro Josef Hradil (Ĉeĥoslovakio) pro elstara organiza laboro.
1982: d-ro Saburo Yamazoe (Japanio) pro verkoj kaj longjara laboro en UMEA.
1985: d-ro Gábor Lázár (Rumanio)
1988: d-ro Kiril Popov (Bulgario), s-ro Cui Zhigin (Ĉinio), s-ino Katalin Faragó (Hungario)
1989: d-ro Eugeniusz J. Kucharz (Pollando), d-ro Balázs Szemők (Hungario)
1990: d-ro Vladimiro Opoka (Pollando)
1991: d-ino Margit Nagy (Hungario)
1992: s-ro Masayuki Saionji (Japanio)
1994: prof. d-ro Rokuro Makabe (Japanio)
1996: d-ro Hitosi Kuriyama (Japanio), d-ro Ihor Halajĉuk (Ukrainio)
1998: d-ro Stefan Budaházy (Rumanio)
2000: s-ino Gu Jienhua (Ĉinio)
2001: Budapeŝta Medicina Fakgrupo (Hungario)
2014: d-ro Disheng Wang (Ĉinio), pro grava artikolo aperinta en MIR.

La UMEA-Shinoda-Premio estis fondita en 1973 de d-ro Hideo Shinoda (1901-1985), por subteni la sciencajn medicinajn esplorojn, presaĵojn, publikaĵojn, prelegojn de apartaj personoj aŭ de kolektivoj de scienculoj aŭ sciencaj institucioj, kiuj subtenas en iu ajn maniero la aplikon respektive la enkondukon de Esperanto en la medicinan sciencon aŭ praktikon por sanprotektaj iniciatoj k.s.“ (citaĵo el la statuto de la fondaĵo). Nuntempe la premiomono estas minimume 100 €, kiujn la premiito ricevas kune kun formala diplomo.

Walter Klag

Vidu ankaŭ: jarkolekto 2, numero 3, p.9

## *P O R   S P U R E M U L O J !*

## **Enigmo solvita!**





“Ekzistas du specoj de tiaj insignoj. La insigno prezentita en via revuo estas "JUBILEA DISTINGO" kaj la alia estas "DISTINGO POR MERITOJ".
Tiajn insignojn atribuadis Jugoslavia Esperanto-Federacio (poste Jugoslavia Esperanto-Ligo). Do, ne temas pri hungara insigno, sed pri eksjugoslavia. Pri tiu temo mi trovis "Regularon pri honorigo kaj distingoj de meritplenaj esperantistoj kaj Esperantaj organizaĵoj" de Jugoslavia Esperanto-Federacio, kiu estas publikigita en ĝia oficiala organo "Jugoslavia Esperantisto" n-ro 5 (17) de majo 1958, paĝo 3. En sia unua artikolo la Regularo de JEF klarigas, ke: a) Per JUBILEA DISTINGO povas esti distingita esperantisto aŭ organizo, kiu aktive partoprenis la movadon dum minimume 25 jaroj; kaj b) DISTINGON POR MERITOJ povas ricevi la persono, kiu dum sia aktiva laboro atingis konsiderindajn kaj daŭrajn sukcesojn por la movado sur kampoj organiza, lingva, instrua, kultura aŭ literatura, kiuj kontribuis al socia firmigo de Esperanto en nia lando.

Tio signifas, ke la de vi prezentita insigno estis atribuita al iu unuopulo aŭ organizaĵo, kiu aktivis en la movado ne malpli ol 25 jarojn.

La alia insigno estas videbla sur la alkroĉita foto. Ni posedas ĝin en Dokumenta Esperanto-Centro en Kroatio sub la numero O-0050.

Evidentas, ke la unuan fojon JEF disdonis tiajn insignojn dum sia 17-a kongreso, okazinta en Novi Sad (Serbio), kiam estis atribuitaj 30 distingoj por meritoj kaj 380 (!) jubileaj distingoj. Mi ne scias, ĝis kiam JEF/JEL atribuadis tiajn distingojn, sed mi mem ricevis la Distingon por meritoj en 1983. Supozeble la Regularo validis ĝis la disfalo de Jugoslavio, kio signifas ĝis la komenco de la 1990-aj jaroj. Kiom da distingoj estis atribuitaj en tiu tempo, oni devus ankoraŭ esplori, ĉar la listoj kutime aperadis en la oficiala gazeto kaj en publikaj listoj. La distingoj estis atribuataj okaze de la kongresoj de JEF/JEL inter la 17-a kongreso (Novi Sad, 1958) kaj la 23-a (Subotica,1991), kiu estis la lasta.”

Ni tutkore dankas  sinjoron Josip Pleadin, sekretario de Dokumenta Esperanto-Centro / DEC en Đurđevac(Kroatio). Vidu ankaŭ la rubrikon “Retpoŝto” p.30.

## *M E D A L I S T O J*

## 9. Rik Sauter (1885 – 1952)



La skulptisto Rik (Hendriko) Sauter studis en la urba Akademio kaj en la Alta Instituto de Antverpeno (Belgio). Ekde 1928 li laboris en propra ateliero. Okaze de la Monda Ekspozicio 1930 li kontribuis al la pavilono de Belga Kongo, pro kio li ricevis en 1932 la kavaliran ordensignon de la Ordeno Leopoldo 2a.

Li skizis figurajnskulptaĵojn, i.a. pri la temo "patrino kaj infano" kaj li ankaŭ kreis multajn infanportretojn.



Sauter famiĝis i.a. pro liaj realismaj portretoj, kiel tiu de la belga reĝedzino Astrid, pro liaj primilitaj monumentoj kaj pro liaj vivoplenaj bestoskulptaĵoj. Famega estas ankaŭ la statueto "Diamant" (35 cm/ maldekstre).

Ĉirkaŭ 1905 li instruistiĝis en arta lernejo en Antverpeno. Regule li sukcese partoprenis en internaciaj ekspozicioj (1911, 1920, 1926 kaj 1931).

La komisiintoj de la du esperantaj medaloj kun komuna reverso, jam priskribitaj en la numero unu de la 4a jarkolekto, ĝis hodiaŭ ne estas konataj. Du ekzempleroj de la UK-medalo kuŝas en la Urba Biblioteko de Antverpeno, unu en la Esperanto-muzeo en Vieno kaj kelkaj en privataj kolektoj.









# *A S P E K T O J   D E   N U M I S M A T I K O*

## Germain Pirlot, la “elpensinto” de la nomo eŭro

### I Artikolo el “De Zeewacht”, ĵurnalo de Okcidenta Flandrio, vendredon la16-an de februaro 2007,origine verkita en la nederlanda.

Je la komenco estis malsimpla afero, sed intertempe la eŭro jam estas uzata de kvin jaroj. Nun ĉie la nomo de la eŭropa mono resonas konate en la oreloj, sed verŝajne neniu scias, kiu estas la «elpensinto» de tiu nomo. Ni trovis lin. Ne malantaŭ impona skribotablo en iu financa institucio, sed en hejmeca domo de la Steenbakkersstraat [strato de la brikistoj]. Lia nomo? Germain Pirlot!


Ĝisosta esperantisto, fervora eŭropano

Germain Pirlot (64) estas emerita instruisto pri la franca kaj historio. Li devenas el Sart-Custinne [vilaĝeto en Ardenoj, franclingva regiono je la sudo de Belgio], sed ferilaboro venigis lin al la marbordo. Ekde la unua tago li klopodis paroli la nederlandan: «Estas tutnormale, ke oni adaptiĝu al la regiono, kie oni translokiĝas. Tre gravas la lernado de la regiona lingvo. Aliflanke estas dezirinde, ke plej eble multaj homoj komprenu unu la alian, el tio mia intereso por universala lingvo kiel Esperanto».

Tia intereso pri aferoj, kiuj okazas ekster la propraj landlimoj, reagigis Germain Pirlot en aŭgusto 1995 al intervjuo de la tiama prezidanto de la Eŭropa Komisiono Jacques Santer en la ĵurnalo *Le Monde*. «Mi sendis al li leteron, en kiu mi klarigis, ke oni pli bone atentu, por ke la civitanoj de ĉiuj membroŝtatoj povu trovi plaĉon en la elekto de la nomo de tiu eŭropa mono, kiu formiĝadis. Mi rekomendis imagpovon kaj proponis nomi «eŭro» tiun novan monon kaj onigi ĝin en cent «ropa» [mi pensis pri la latina nomo *Europa*: euro/ropa]. Pli ol unu monaton poste mi ricevis dankleteron kun la sciigo, ke mia sugesto estos certe proponita dum la debato pri tiu grava dosiero». La unua parto de mia propono estis akceptita, sed la dua parto – pri «ropa» – iĝis finfine «eŭrocent». Laŭ Promeuro, la oficiala asocio, kiu okupiĝis pri la promocio de eŭro kaj pri la preparado de la eŭropaj civitanoj al la uzado de tia nova mono, Germain Pirlot ricevis sciigon, ke li estas la unua, kiu proponis tiun nomon. Modeste la inventema loĝanto de la «Westerkwartier» relativigas sian kontribuon al Eŭropo. Aliflanke li ne bone komprenas, ke tiom da samlandanoj kalkulas ankoraŭ en belgaj frankoj. «Ekde la unua tago mi ŝanĝis miajn belgajn frankojn kontraŭ eŭroj kaj mi devigis min pensi nur en tiu mono. Sufiĉas havi kelkajn referencopunktojn – ekzemple la prezo de pano aŭ de aŭtomobilo – por scii, kion eblas fari kiel konsumanto. Temas pri simpla mensa gimnastiko», laŭ tiu sperta praktikanto de karateo kaj de tajĝiĉuano.

## II Artikolo el LA DERNIERE HEURE, mardon, la 30-an de januaro 2007, origine verkita en la franca.

**La eŭro, belga invento …nomo de la ununura mono estis sugestita la unuan fojon de Germain Pirlot en 1995.**

**Oostende –**Germain Pirlot povas esti nomita konvinkita eŭropano. Kaj fervora defendanto de la ununura mono. Nepras diri, ke li estas neniu alia ol la "*elpensinto*" de la nomo eŭro.

Rememorigeto. Kiam ĉiu membroŝtato disponis pri sia propra mono, la oficiala **ekuo** estis uzata kiel referencunuo kadre de la eŭropa mona sistemo. Periode la Eŭropa Komisiono kalkulis ĝian valoron rilate al la devizokurzoj de la 12 konsistigaj monoj. Kiam oni decidis enkonduki ununuran monon, Germain Pirlot turnis sin al la prezidanto de la Komisiono (Jacques Santer), samopiniante pri lia intenco ebligi al la eŭropanoj identiĝi kun sia mono.

*Oni multe parolis pri* franc *aŭ pri* franken*, kaj, laŭ mi, tio ne estis bona ideo, ĉar tio nete referencis al Francio, kiam aliaj landoj havis por monunuoj la guldenon, la pundon, la kronon aŭ la eskudon. Tiam mi sugestis montri imagopovon kaj eliri el la rutina vojo. Sekve mi proponis nomi la unusolan monon "eŭro" kaj onigi ĝin en 100 "ropa".*

Launua propono estis akceptita, sed ne la dua, ĉar nun oni parolas pri "*eŭrocentoj*". Por Germain Pirlot, la "eŭro" estas do plurkiale referenco. Kaj li deklaras, ke li malfacile komprenas la bezonon de multaj belgoj (66% el la loĝantaro), kiuj ankoraŭ transkalkulas en (belgajn) frankojn la sumon de siaj aĉetaĵoj.

*Laŭ mi tio sensencas. Tuj post la transiro al la ununura mono, mi ŝanĝis mian monon kontraŭ eŭroj kaj mi strebis pensi nur en tiu mono. Sufiĉas havi kelkajn referencopunktojn, kiel ekzemple la prezo de pano, de laŭtaga plado aŭ aŭtomobilo. Temas pri simpla mensgimnastiko, kiun oni faru definitive sen sisteme repensi en frankoj, por scii, kiom oni elspezas. Estas des pli ridinde, ke poste necesas repensi en eŭroj, por scii, ĉu laŭ la enpoŝe disponeblaj eŭroj oni povas aŭ ne aĉeti la deziratan objekton. Krome, la ununura mono havas nekontesteblan avantaĝon dum vojaĝo, ĉar ĝi ebligas veran komparon de la prezoj, kio estis nete pli malfacila, kiam kunekzistis multaj monoj laŭ la ŝtatmembroj. Do, kial ankoraŭ paroli pri frankoj?*

[Rim : "*eur*", "*ropa*", el la latina nomo de Eŭropo: *Europa*]



## III A Letero al Jacques Santer, prezidanto de la Eŭropa Komisiono:

Oostende, 04.08.1995

Sinjoro Prezidanto,



De Silquy kaj Santer montrantaj la 1 eŭro-moneron en 1998

nur hodiaŭ mi hazarde legis eltiraĵojn el via «Interparolo RFI – Le Monde», publikigitajn en «**LeMonde**» de la 2a de julio.

Mi devas konfesi, ke mi ne bone komprenas, kion vi volas diri, kiam vi parolas pri "Esperanto-mono"! Temas pri tre nebula diraĵo, kiu necesus minimuman klarigon.

Kion ajn vi povas pensi, Esperanto estas supernacia lingvo, kiu ebligas interetnan, interkulturan dialogon <u>en la reciproka respekto</u> de la lingvo, de la kulturo, de la digneco de ĉiuj kunparolantoj. Estas fakto, kiun, laŭ mi, bonege eksplicitigas ĉino, instruisto pri la angla, en deklaro al usona ĵurnalo dum lingva restado en Usono: «*Kiam mi parolas Esperanton kun usona esperantisto, ni renkontiĝas sur neŭtrala lingva bazo, tiel ni evitas la riskon fuŝadi la gepatran lingvon de la alia. Tio forigas embarasojn kaj miskomprenojn, kaj kuraĝigas liberan kaj amikan ide-interŝanĝon. Kiam du personoj manpremas, ĉiu etendas sian manon mezvoje, en neŭtralan zonon, kiel reciproka gesto de amikeco. Tiel estas kun Esperanto, lingva manpremo*» (Zhou Huanchang, <u>Esperanto, a Linguistic Handshake</u>, **Los Angeles Times**, 10.03.1984, p.2).

Do ne estas sen motivo, ke eŭropaj deputitoj ekkonsideras Esperanton pli objektive; vidu aldonitajn diraĵojn de belgaj eŭrop-parlamentanoj.

Krome, mi tute aprobas kion vi aldonas, ke «la civitano rajtas identiĝi kun sia mono», sed kial paroli tiam pri "franc" aŭ "franken", kio estas neta referenco al Francio? Ĉu vi forgesus, ke aliaj civitanoj havas la guldenon, la pundon, la kronon, la eskudon kaj aliajn antajn kaj ontajn monojn? Kiel ili povus identiĝi kun tiu francama «franko»? Mi ne kuraĝas opinii, ke jam nun vi konsideras ilin kiel duarangajn civitanojn, kiel specojn de <u>subuloj.</u>

Kial ne montri imagopovon kaj eliri el la rutina vojo? Oni povus ja nomi tiun novan monon **eŭro** kaj onigi ĝin en 100 **ropa**!

Kun miaj antaŭdankoj pro eventuala komento ricevu, Sinjoro Prezidanto, mian altan konsideron.

Germain PIRLOT(**origine verkita en la franca)**

## III B Letero de la ĝenerala sekretariejo de la Eŭropa Komisiono:

Sinjoro Germain PIRLOT
Steenbakkersstraat 21
840 OOSTENDE

Eŭropa Komisiono
Ĝenerala sekretariejo
Bruselo, 18.09.1995
SG (95) D/86446

Sinjoro,

prezidanto SANTER petis de mi, ke mi danku vin pro via letero de la 4-a de aŭgusto, per kiu vi sugestis al li nomi «EŬRO» la ontan ununuran eŭropan monon.

Kiel vi scias, la debato pri tiu demando estas tre malsimpla; fakte la nomo de tiu mono devas arigi kvalitojn, kiuj kapablas garantii la sukceson ĉe ĉiuj eŭropanoj. Sekve bonvenas ĉiuj sugestoj kaj pro tio, nome de sinjoro SANTER, mi varme gratulas vin pro via kontribuo al tiu debato kaj, pli ĝenerale, pro via subteno al la procezo de eŭropa integrado.

Krome, mi deziras precizigi ke, en la de vi raportita interparolo, neniel la Prezidanto intencis kritiki Esperanton. Fakte la Komisiono plene samopinias pri la idealo de pliproksimiĝo inter la popoloj, kiu vigligas la esperantistan movadon, eĉ se Eŭropa Unio elektis alian metodon por finatingi la saman rezulton (tio estas la agnoskon, egalrajte, de la statuto de oficiala lingvo de la Unio por dekunu lingvoj).

Altestime,

Claude LANDES **(origine verkita en la franca)**

## IV En la retpaĝaro de PROMEURO:

Ni ege dankas s-ron Pirlot pro la informo, laŭ kiu li povus esti la 1a, kiu sugestis la nomon «eŭro». Nuntempe ni ne konas tian sugeston faritan antaŭ 04.08.1995. Kompreneble ni ŝatus ricevi eventuale plian sciigon tiurilate.

La 28an de januaro 2002

Jean-Jacques Schul
Prezidanto de Promeuro aspc

Reage al tiuj dokumentoj, mi jam aldonis la mencion de la faktoj en la anglalingvan artikolon pri eŭro en la enciklopedio Vikipedio (imagu, ke ĝis nun tiu temo tute ne estis pritraktita tie, kvankam la artikolo cetere sufiĉe bonas kaj ĉiutage legas ĝin kelkmil homoj). En la Vikipedio oni postulas ankaŭ indan citadon kaj prifontadon de ĉiuj enmetitaj faktoj, tial la dokumentoj ĉemane aparte utilis. Mi tamen rimarkis, ke eĉ jam iom antaŭe en artikolo pri vi enmetis tien Yves Nevelsteen ligilon al skanaĵo de la gazetartikolo. Mi nun ankoraŭ poluris ankaŭ tiun artikolon. Mi opinias ĉeeston de tiu informo ĝenerale interesa por la artikolo kaj aldone certe bona reklamo pri la neŭtralaj kaj universalaj valoroj de Esperanto. Germain

# *T E R M I N A R O*

## *Alfabeta listo (10)*

**fidata (mono):** *por pagi malgrandajn sumojn ekzistas/ekzistis moneroj el kupro aŭ aliaj ne-altvaloraj metaloj. La metalvaloro estas malpli alta ol la nominalo. Tamen ĝi estas fidata, ĉar ĝi ebligas ŝanĝon al ora aŭ arĝenta moneroj.La nuntempaj eŭro-moneroj de unu cendo ĝis 2 eŭroj ekzemple estas fidataj moneroj (aŭ fidata mono).** *

**ĵetono:***estas disketo el metalo, plasto aŭ alia materialo, uzata anstataŭ monero, por funkciigi diversajn aparatojn (ekzemple telefono, duŝo en naĝejo aŭ kampadejo, lavmaŝino en publika vestaĵolavejo, aŭ por kalkuli en monludoj). Sume temas pri monerosimila objekto, kiu uziĝas anstataŭ monero. Ĵetonoj uziĝas laŭ interkonsento inter klientoj kaj vendistoj en difinitaj situacioj, ekzemple en vendiloj. Ili diferencas laŭ grandeco kaj dikeco, por permesi al la aparatoj rekoni ilin, kaj povas havi iun ajn antaŭdifinitan valoron. Do kontraste al monero, kiu estas produktita per ŝtata instanco kaj libere interŝanĝebla kontraŭ iu varo aŭ alia pagilo, ĵetono principe uzeblas nur en difinita komerca situacio. Ĝi estas loka helpa mono.** *

**kalendarmedalo:** *medalo kun aspekto de kalendaro, foje kiel "eterna" kalendaro per diversnivelaj rotaciigeblaj diskoj. Ekzistis jam ekde la 17a jarcento, ĉefe ŝatata dum la 18a jarcento kiel poŝkalendareto.*

**konkava (medalo):** *prezentanta konturon aŭ surfacon kavan, kiel la interno de resp. cirklo aŭ sfero.*

**konsumada ĵetono:** *ĵetono por pagi manĝaĵon aŭ trinkaĵon en restoracio aŭ aliloke.*

**kontraŭmarko:** *posta enstampaĵo sur monero por ŝanĝi la valoron. Per ĝi la registaro povis ŝanĝi la valoron de monero aŭ revalorigi iamajn senvalorigitajn monerojn.*

**konveksa (medalo):** *prezentanta konturon aŭ surfacon elstaran, kiel la ekstero de resp. cirklo aŭ sfero.*

**laŭrokrono:** *laŭrofolioj en formo de florkrono kiel ordeno por venkintoj. Uzitaj sur moneroj de romiaj imperiestroj, poste de germanaj imperiestroj kaj eĉ de Napoleono. Ofte sur aversoj kune kun kverka foliaro, olivbranĉo k.a.*

**levolo:** *arĝenta titro de 718/1000. Surbaze de provoj en Parizo, M.A. Levol ĉirkaŭ 1850 konstatis, ke titro el 718/1000 da arĝento kaj 282/1000 da kupro havas pli taŭgajn porfandajn kvalitojn kaj produktas pli homogenajn fandaĵojn ol per uzo de aliaj titroj.*

**plenvalora (mono):** *monero (ĉefe ora aŭ arĝenta), kies metala valoro estas/estis la sama kiel la nominala, minus la pregokostoj.** *

---

* Dank'al klarigaj mesaĝoj de nia membro Walter Klag. Dankon al li!

# *E L  L A  G A Z E T A R O*

## Malfacila sorto de la unua E-monumento en la urbo Františkovy Lázně



En julio 1887 aperis en Varsovio rusa lernolibro de nova universala komunikilo sub la nomo Internacia Lingvo. La aŭtoro, kiu subskribis sin Doktoro Esperanto, estis ruse-pole-juda okulkuracisto Ludoviko Lazaro Zamenhof. La uzita pseŭdonimo donis nomon al la jam kreita artefarita lingvo Esperanto. Tial la jaro 1887 estis deklarita kiel komenco de la Esperanto-movado.

Jam post du jaroj havas tiu ĉi nova lingvo pli ol unu mil da favorantoj, en grandaj eŭropaj urboj fondiĝas Esperanto-kluboj kaj iĝas novaj E-naciaj asocioj. En la jaro 1905 okazis en Francio la unua mondkongreso de esperantistoj, kiun partoprenis proksimume 700 membroj el 20 landoj.

La unua societo de aŭstriaj esperantistoj estis fondita en la jaro 1901 en Brno, kaj ĉiujare organizitaj kongresoj estis konfirmoj de sukcesa disvastiĝo de la lingvo, kiu estis al ĉiuj komprenebla. En la E-renkontiĝo de Štýrský Hradec (Graz) en la jaro 1913 akiris konsenton la prezidanto de E-klubo, s-ano Jacob Hechtl, ke la Kvara Tutaŭstria Kongreso okazu en la urbo Františkovy Lázně (Franzensbad). Li ankaŭ iĝis ĉefiniciatoro de la omaĝo al Esperanto-movado kaj ĝia fondinto MUDr-o L.L.Zamenhof.



Dekovro de Esperanto Monumento Franzensbad 1914

La monumenton kreis kvin virinaj figuroj, kiuj kiel simboloj de la mondpartoj ĉirkaŭligis globon per floraj girlandoj. Sur la granda bazo de la soklo (tri metrojn en la diametro) li kreis eĝohavajn kolonojn altajn je kvar metroj, interspacon por lokiĝo de diskoj. En la supra parto de la soklo estis lokita sur ĉiu flanko kvinpinta verda stelo, kiu iĝis en la jaro 1905 oficiala emblemo de la Esperanta movado. Sur la fronta parto estis bronza disko kun reliefo de la fondinto de Esperanto, sur la malantaŭa estis diskoj kun la nomoj de la donacintoj, kiuj kontribuis por la monumento per pli granda sumo ol 100 kronoj.

Kiam la urba konsilantaro decidis pri la mono por la monumento, aŭdiĝis voĉoj kio okazos, se Esperanto malaperos, ke ne estas necese konstrui la monumenton k.s. Aliaj voĉoj kontraŭstaris pro tio, ke la monumento ne estos germana sed internacia. La plimulto de la funkciuloj fine decidis, ke la urbo Františkovy Lázně apartenas jam al la urboj de eŭropa formato kaj liberala mondo. La nova monumento, elĉizita el 50 kalkŝtonaj blokoj, do povis esti finita ĝis duono de la monato majo.

Dum la bela pentekosta vetero okazis sukcesa tritaga kongreso en Františkovy Lázně; ĝia pinto estis la senvualigo de la monumento ĉe la lageto en kuracparko dimanĉe la 31-an de majo 1914. Jam aŭtune regis ĉe la urbaj funkciuloj kontento, ĉar dank´al la monumento la nomo de la kuracurbo aperis en ĉiuj signifaj ĵurnaloj. Oni diris, ke tiel bonan kaj efikan reklamon ankoraŭ neniu povis fari. Oni ankaŭ diris, ke en Františkovy Lázně  bone kaj konkorde vivas kaj bone komprenas unu la alian ĉeĥoj kaj germanoj.

Tiu ĉi per generacioj konstruita pozitiva bildo de la kuracurbo brutale finiĝis per la okupacio fare de la naziisma Germanio kaj kiel la unua el multaj detruoj de civitana mondo estis ruinigita la monumento de Esperanto.



En la lasta  spuro el oktobro 1939 oni skribis, ke la urbo fordonas por armilaj rezervoj bronzajn reliefojn kaj du bronzajn tabulojn, kiuj pezis 19,80 kilogramojn el la malkonstruita Esperanto-monumento.

Post **52** jaroj, en la jaro 1991 instalis Josef Vaněček, sekretario de E-handikapuloj, sur la loko de la likvidita monumento, la novan memorŝtonon omaĝe de la fondinto de Esperanto MUDr-o L. L. Zamenhof. Ĉe la unua Internacia kongreso de AEH en julio 1992 la memorŝtono estis oficiale senvualigita.




La ĝojo pri la anstataŭa monumento ne daŭris longe. En la jaro 1994 juna ebria vandalo rompis la tabulon.

Ĉe la dua E-kongreso de AEH en Kladno 1994 kaj ĉe la posta ekskurso al Františkovy Lázně estis instalita nova tabulo helpe de AEH (Asocio de Esperantistaj Handikapuloj), ĈEA (Ĉeĥa Esperanto-Asocio) kaj helpe de eksterlandaj sponsoroj.

En plua jaro estis la tabulo el la memorŝtono ĵetita en la proksiman lageton, sed ne estis rompita kaj tiel povis esti alfiksita sur la ŝtonon, prizorge de la Urba oficejo.




En tiu tempo estis la tabulo skribita nur en Esperanto kaj ni estis informitaj, ke kuracgastoj, kiuj ofte haltadis antaŭ la memorŝtono, cerbumis, en kiu lingvo la teksto estas skribita. Kaj tiel la ŝtono post kelkaj jaroj ricevis ankoraŭ pluan tabulon – pli malgrandan, (en la jaro 1999), kie en la ĉeĥa lingvo estas ĉio klarigita.

Kompilis Jarmila Rýznarová

Fonto: el "Historio de la Asocio de Esperantistoj-Handikapuloj en ĉeĥa respubliko", p.13-15

Multan dankon al nia Jarmila pro la kompilaĵo kaj la informoj pri la medalisto. Vidu ankaŭ la aktualan rubrikon "Moneroj kaj medaloj"p. 5. Pri la medalisto: en  n-ro 4 de la 4a jarkolekto!

***R E T P O Ŝ T O***

de vi por ni!

## Reagoj kaj konversacioj

09.02.2017 12:51

Kara Maritza!

Mi petas vin helpi min, se eble.

Mi jam multfoje petis al aliaj kubaj samideanoj havigi al laEsperanto-**N**umismatika **A**socio informojn pri la artisto-medalisto kiu skizis la du memorigajn medalojn okaze de la Universala Kongeso 1990 en Havano. Domaĝe nur vane!

Kion ni bezonas estas la nomo kaj foto de la gravuristo kaj kelkaj informoj pri lia profesia kariero. Tiuj informoj ne estas urĝaj, sed mi esperas, ke mia persisto nun estos ne vana.

Mi anticipe dankas vin tutkore kaj vin salutas samideane. Salutojn ankaŭ al via filino, kiun mi renkontis dum la UK en Lillo!

Bert BOON / Tienen,BELGIO
Fakdeligito de UEA pri Numismatiko
Iniciatoro de ENA
Finredaktoro de "Esperanta Numismatiko"

12.05.201719:14

Kara Bert,

pardonon ke mi ne vidis vian mesaĝon antaŭe, ĉar tiun ĉi adreson mi malofte kontrolas, nur kiam mi estas for de la lando kaj de tempo al tempo.

Do, pri via demando mi povas diri ke laŭ mia memoro, la artisto kiu desegnis la medalon nomiĝas Miguel Angel Peñate, iama estrarano de nia asocio, en la tempoj de la UK. Li tiutempe ankaŭ desegnis poŝtmarkon kaj aliajn etajn dezajnojn por propagando kaj aliaj informiloj. Nuntempe mi ne scias pri li, ĉar tre maljuna li devas esti. Mi povas esplori kaj eble trovi foton. Bv. reskribi al la alia adreso.

elkoran saluton

Maritza



13.04.2017 20:17

Kara Jozefo,

kiam vi vidas mian mesaĝon, vi scias ke alvenas mia peto denove provlegi por ENA. Mi esperas ke vi ne havos tro da problemoj por solvi. Ĉar restas ankoraŭ iom da tempo antaŭ la fino de aprilo, tute ne urĝas la afero. Ĉiel, mi jam nun dankas vin pro via bona volo kaj via tempo.

Amike

Bert

18.04.2017 9:20

Kara Bert,

jen la plej freŝa numero de la ENA-revuo kun miaj sugestoj de plibonigo. Permesu al mi tri rimarkigojn pri la terminaro.

1) Eo estas prefere analiza ol sinteza lingvo, do ĝi ne ŝatas longajn kunmetojn kiel "monvalorperdiĝo". Mi konsilus la analizan formon: "perdiĝo de monvaloro".

2) Pri "numisletero": ne ekzistas vorto "numiso", do ankaŭ "numisletero", "numisfolio" ne ekzistas. Mi uzus prefere: "numismata koverto" kaj "numismata folio".

3) Se "dolaro", "eŭro" ktp. ni skribas minuskle, ankaŭ "stelo" devus esti laŭ mi tiel skribata, se ni volas resti konsekvencaj.

Kiel ĉiufoje, via revuo ankaŭ nun estas enhavoriĉa kaj interesa. El tiaj "metiejoj" riĉiĝas vere la faklingvo de Eo. Gratulon kaj dankon al tiaj pioniroj, kiel vi!

Amike: Jozefo

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

*<Mi tre ŝatus scii kion signifas "fidata" (revuo "esperanto" tabelo de paĝo 93)*
*<Mi antaŭdankas pro la respondo.*
*<Kore salutas J-P Boulet, delegito de UEA en Cournon d'Aŭvergne, reprezentanto de ILEI por Unesko*

*09.04.2017 16:26*

Altestimata s-ro Boulet!

Dankon pro via demando.

Ekzemple en 1800 en Aŭstrio ni havis orajn kaj arĝentajn monerojn, kies metala valoro estis la sama kiel la nominalo minus la pregokostoj.

Temas pri  "plenvaloraj moneroj".

https://de.wikipedia.org/wiki/Kurantm%C3%BCnze

https://en.wikipedia.org/wiki/Currency_money

Por pagi malgrandajn sumojn ni havis ankaŭ monerojn el kupro kaj poste el aliaj ne-alt-valoraj metaloj. La metalvaloro de la monero estis malpli ol la nominalo. Sed oni "fidis", ke oni povus ŝanĝi tiujn monerojn al oraj kaj arĝentaj. Temas pri "fidataj" moneroj.

Angle fiat money, germane Fiatgeld aŭ Scheidemünzen.

France: https://fr.wikipedia.org/wiki/Monnaie_fiduciaire

La aktualaj €-moneroj de unu Cendo ĝis 2 Eŭroj estas fidat-mono.

*Se vi havus pliajn demandojn, ne hezitu skribi al mi! Volonte mi diskutas pri numismatikaj demandoj.*

Salutas Walter Klag, Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio.

UEA-fakdelegito por numismatiko.

*13.04.2017   13:14*

Kara Bert!

Jen superrigardo pri certe kaj eventuale eldonotaj moneroj-medaloj.

Viaj rimarkoj estus por mi tre bonvenaj.

Salutas numismatike

Walter

Medalo-Serio PIONIROJ DE LA UNIVERSALA MONO

**La kialo**
La Esperanto-kulturohavas ne nurpropranlingvon, literaturonkajtielplu, sed ankaŭpropranmonsistemon, almenaŭsimbolan: Iamla Spesmilonkajnun la Stelon. AntaŭnelongedumjunularakongresouziĝisplastajStelo-moneroj. Tia moneroaŭmedaloestas facile montreblasignokajpruvo de la viveco de nialingvo. Monerokostas ne multe,estasfaciletransporteblakajapenaŭruinigebla.

**Listo de la medaloj(pago-medaloj; moneroj)**

| Nominalo | Materialo<br>Maso<br>Diametro | Aperdato<br><br>Eldonkvanto | Eldonopor la honoro de ... |
|---|---|---|---|
| 100 Steloj | Ag  999/1000 | 2017-09-18 | René de Saussure |

| | | | |
|---|---|---|---|
| | 31,1 g (1 unco)<br>37 mm | 1000 (limigita) | 1868 – 1943<br>Inventinto de la Spesmilo |
| 50 Steloj (projekto) | Ag 999/1000<br>15,6 g (½ unco)<br>34 mm? | 2018?<br>1000? | Julia Isbrücker<br>1887 – 1971<br>Kuneldonintino de la Stelo |
| 10 Steloj (projekto) | Cu<br>31,1 g (1 unco)<br>38 mm? | 2019?<br>1000? | Herbert Höveler<br>1859 – 1918<br>Fondinto deĈekbankoEsperantista |
| 5 Steloj (projekto) | Cu<br>15,6 g (½unco)<br>36 mm? | 2019?<br>1000? | AndrásCseh (AndreoĈe)<br>1895 – 1979<br>Kuneldoninto de la Stelo |
| 1 Stelo (projekto) | Cu<br>10,4 g (⅓unco)<br>34 mm? | 2019?<br>1000? | DrevesUitterdijk<br>1866 – 1940<br>Fondinto de Universala SpesmilaBanko |

Ag = arĝento; Cu = kupro.

**Kostoj (eldonkvanto 1000)**

100Steloj ... 33 000 €
50 Steloj ... 23 000 € (?)
10, 5, 1 Steloj ... po 14 000 € (?)

**Produktado**

Münze Österreich (MonerfarejoAŭstria; kompaniafilio de AŭstriaNaciaBanko)

Walter Klag, Vieno, Aŭstrio, EŭropaUnio, 2017 04

13.04.2017 16:13

Kara Walter!

Kiel vi sugestis, mi tralegis la tuton kaj ie laŭ propra gusto ŝanĝis vortojn aŭ ortografion en la teksto aŭ la tabelo. Kompreneble vi mem decidos, do ne devas konsenti kun mi. Ĉiel, via projekto estos certe mejloŝtono en la historio de la esperanta numismatiko. Mi estas tre entuziasma pri via laboro kaj mi konsentas ke tiuj gravaj personoj meritas la honorigon. Mi estas jam ege scivolema pri la rezulto(j)! Mi deziras al vi kuraĝon kaj multan sukceson! Je via dispono, kiam vi bezonus iun helpon…

Numismate kaj amike,

Bert

18.04.2017 16:28

Kara Bert!

Jen tabelo – eble vi konas tion jam.

Salutas Walter

Prezoj de Spesmiloj kaj Steloj
Stelo spesmilo Bewertung World Coin Price Index 2017 04
https://www.worldcoinindex.com
Prezoj en US$
Sm = Spesmilo
St = Stelo
BU = brillant uncirkulated

| **Nominalo** | **XF 40**<br>**tre fajna** | **MS 60**<br>**mint state** |
|---|---|---|
| 2 Sm | 145 | 200 |
| 1 Sm | 75 | 120 |
| 1 St | | 12 |
| 5 St | | 12 |
| 10 St | | 18 |
| 25 St Cu | fine 25 | |
| 25 St Ag | | PP 60 |
| 25 St Au | | BU 3500 |
| | | |

23.04.20179:23

Kara Bert!

Mi legis **EN** jaro 4 numero 2 kaj tre dankas al vi.

Sur paĝo 3 estas ne vere, ke mia moner-medalo 100 steloj rilatas al Zamenhof. Temas pri la 150a naskiĝdatreveno de René de Saussure (1868-1943). La “veron” oni ekscias sur paĝo 18.

Kiu estas s-ro Kang? (paĝo 3)

Sur paĝo 15 mi ne komprenas la vorton “betaalpenningen”.https://nl.wikipedia.org/wiki/Betaalpenning

Ĉu la sama kiel Wertmarke?https://de.wikipedia.org/wiki/Wertmarke

Mi legis ankaŭ pri „Rechenpfennig“ por kalkuli sur breto:https://nl.wikipedia.org/wiki/Rekenpenning por kalkuli „sur la linio(j)“.

Ĉu oni povus diri, la Spesmiloj kaj Steloj estas ĵetonoj?

**Ĵetono**

El Vikipedio, la libera enciklopedio




historia ĵetono de polica manĝejo en la brita protektorato *Bechuanaland*, kiu poste dum 1966 iĝis la ŝtato Bocvano

**Ĵetono** estas disketo el metalo, plasto aŭ alia materialo, uzata anstataŭ monero, por funkciigi diversajn aparatojn (ekzemple telefono, duŝo en naĝejo aŭ kampadejo, lavmaŝino en publika vestaĵolavejo, aŭ por kalkuli en monludoj. Sume temas monerosimila objekto, kiu uziĝas anstataŭ monero. Ĵetonoj uziĝas laŭ interkonsento inter klientoj kaj vendistoj en difinitaj situacioj, ekzemple en vendiloj. Ili diferencas laŭ grandeco kaj dikeco, por permesi al la aparatoj rekoni ilin, kaj povas havi iun ajn antaŭdifinitan valorojn. Do kontraste al monero, kiu estas produktita per ŝtata instanco kaj estas libere interŝanĝebla kontraŭ iu varo aŭ alia pagilo, ĵetono principe uzeblas nur en difinita komerca situacio.

Elkoran saluton!

Walter

27.04.201714:01

Saluton, Walter!

Pardonon pro la prokrasto!

Vi pravas pri mia eraro kiun mi intencas korekti en la venonta numero. Dankon!

S-ro Kang estas mia kontaktpersono ĉe la LKK de la ĉi-jara UK en Seulo. Li estas fakulo pri filatelo, kiu tamen subtenas mian peton eldoni medalon okaze de la UK. La LKK ankoraŭ dubas kaj volas decidi en majo.

En Nederlando anstataŭ medalon oni ofte uzas la terminon “penning”. Por medaloj kun certa valoro (internacia aŭ loka helpa mono) estas uzata la vorto “betaalpenning”. La nederlanda verbo “betalen” signifas “pagi”.

Ĵetono kutime estas pagilo por esti uzata pere de aparato, maŝino. Ĵetono por pagi manĝaĵon en restoracio k.t.p. en la nederlanda estas nomata “konsumada ĵetono”, eble taŭga neologismo en la numismatika terminaro de Esperanto…

Laŭ mi spesmiloj kaj steloj ne estas ĵetonoj, sed “pagmedaloj”. Ege interesa diskuto por la estonta “Unua numismatika Terminaro”, ĉu ne?

Amike kaj numismate,

Bert

05.05.2017   23:14

Kara Bert!

<<<Vi pravas pri mia eraro kiun mi intencas korekti en la venonta numero. Dankon!

Tre bona ideo, eldoni numismatikan fakterminaron.

Propono: Esperanto – nederlanda – germana – angla.

Mi pretas kunlabori por la esperanta kaj germana partoj.

Mia edzino – ŝi studis la anglan kaj instruis la anglan multajn jarojn en gimnazio – pretas transpreni kunlaboron por la angla parto.

http://www.gietl-verlag.de/das-grosse-muenzlexikon/buchdetail/39/1/0/2.html

ISBN: 978-3-89441-550-1      14,95 EUR

Tiu libro povus esti unu el la bazoj. Ĝi estas nun favorpreze aĉetebla.

Elkoran saluton!

Walter

07.05.201714:03

Kara kunredaktoro, kunnumismato kaj kunfakdelegito Walter!

Dankon pro viaj aktualaj informoj!

Interese estas konstati, ke fojefoje spesmilo-pagilo iras denove el la ombro en Ebay. Tamen iom frustras min la manko de informoj pri la eldonkvantoj de ambaŭ tipoj. Eble iam aperos hazarde dokumento, kiu solvos almenaŭ tiun enigmon, ĉu?

Dankon pro viaj proponoj kunlabori kun mi koncerne la numismatikan fakterminaron. Ankaŭ vian edzinon mi kore antaŭdankas. Ĝustatempe mi retrovos vian proponon en mia memoro! Dume restas multe da penado por kompili terminojn. Ĝis nun mi serĉas aŭ “kreas” esperantajn terminojn laŭbezone, sed ne laŭsisteme, do nur hazarde kaj do amatore. Mi demandas min, ĉu ne eblus iel “elkribri” el ekz-e PIV la vortojn bezonatojn. Tamen mi supozas, ke tiucele nova cifereca programo estus farenda. Pri tiaj aferoj mi bedaŭrinde estas malfakulo.

Dank’ al via mencio mi nun pripensas la eblecon aĉeti tiun monerleksikonon, ĉar la germana estas mia tria lingvo post la nederlanda kaj la esperanta.

Korajn salutojn al vi ambaŭ.

Amike,

Bert

07.05.201714:38

Kara Bert!

Dankon pro via letero.

Pri la eldonkvanto de la spesmiloj (1 kaj 2) mi nenion scias, sed mi daŭre serĉas.

La prezoj estas plimalpli 300 € por unu "monero".

Pri la 4lingva terminaro: eble la komenco povus esti eldoni ĝin en cifereca formo, kiel 4 –kolumna/rubrika tabelo. Unue oni povus ja ion-ĉion senstrese enskribi kaj poste korekti.

Do ĝis!

Walter

15.05.2017 8:39

Kara Bert!

Jen novaĵo pri la plastaj stelo-"moneroj" (eldonkvanto???).

https://www.facebook.com/plastamono/

Evidente oni uzis ilin dum laInternacia Junulara Festivalo12/04/2017-18/04/2017 Castione della Presolana

http://iej.esperanto.it/ijf/?lang=eo

Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Stelo_(monunuo)

Elkoran saluton!

Walter

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

03.04.2017 4:17

Tre estimata samideano Kang Hongu,

antaŭ kelkaj monatoj mi ricevis vian anoncon pri speciala medalo okaze de la ĉi-jara UK en Seulo. Vere tre grava novaĵo por ĉiuj esperantistoj kaj ĉefe por la numismatoj!

Vi ankaŭ sciigis al mi, ke la LKK en 2017 decidos pri la eldonnombro. Ĉar nia numismatika revuo aperos denove je la fino de aprilo, mi petas vin, *se eble*, sendi al mi kelkajn detalojn pri la medalo kaj pri la progreso de la projekto.

**Mi sincere antaŭdankas vin kaj salutas vin kaj la aliajn LKK-anoj de seula UK, al kiuj mi deziras persiston kaj multan sukceson!**

Numismate kaj samideane,

Bert Boon
Iniciatoro de Esperanto-Numismatika Asocio
Finredaktoro de "Esperanta Numismatiko"

20.04.2017 3:12

Estimata samideano Bert Boon.

bedaŭrinde, LKK-anoj ankoraŭ ne decidis eldoni medalojn.

Malgraŭ tio mi puŝos eldoni medalojn. En la Majo ni decidos tion.

postfoje mi sendos informon post la decido.

Sincere via,

KANG Hongu

29.05.2017 20:51

Estimata samideano Kang Hongu,

estas hodiaŭ la 29a de majo. Ĉu la LKK decidis jam pri UK-medalo?

Bert Boon ENA

02.06.2017 3:21

Estimata Bert Boon!

LKK decidis eldoni medalojn, kies eldonkvanto estos ĉirkaŭ 300.

Sed ankoraŭ ne fiksita, post du semajnoj ni decidos eldonkvanton.

Sincerevia

KANG Hongu

05.06.2017 19:52

Estimata samideano KANG Hongu!

Dankon pro via ege ĝojiga mesaĝo kaj koran dankon pro via sukcesplena subteno de nia projekto, por konvinki LKK-n.

Kiam la anonco de LKK (kun bildoj, priskribo kaj mendilo) estos preta, vi povus sendi ĝin al mi kaj mi dissendos ĝin al ĉiuj pli ol 100 ENA-membroj en la vasta mondo per speciala novaĵletero.

Mi anticipe dankas vin kaj salutas vin

amike kaj numismate,

Bert
Iniciatoro de ENA

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

14.04.2017 18:39

Kara Giorgio,

kun multe da intereso mi legis vian artikolon en n-ro 286 de Literatura Foiro. Okulfrapis min evidente la medalo sur la kovrilo! Laŭ mi ĝi meritas lokon en la ENA-revuo kaj poste en la Katalogo. Tial jen miaj petoj al vi:

1 Ĉu vi povus havigi al mi bildojn de la du flankoj kun (se eble) jenaj informoj*: diametro, pezo (maso), eldonkvanto, eldonjaro, alojo, gravuristo-medalisto, evento…?*

2 Ĉu mi rajtus samtempe kun la priskribo publikigi vian artikolon en nia rubriko “El la gazetaro”?

Mi anticipe dankas vin kaj salutas vin

civitane kaj amike.

Bert Boon

14.04.2017 19:18

Volonte mi permesas la represon de mia artikolo, se la redakcio havas nenion kontraŭan.
Mi informiĝos pri la medalo.
Amike kaj civitane, esperante renkonti vin la 17an.

Giorgio Silfer

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

23.04.201713:24

Kara samideano Bert,

En la ENA-revuo n-ro 2/2017, paĝo 11, mi trovis la rubrikon "Por spuremuloj", en kiu vi prezentas "insignon por Esperanto-merituloj".

Ĉar mi gvidas Dokumentan Esperanto-Centron, mi sufiĉe facile solvis la enigmon de tiu insigno.

Por la kontribuaĵo de Josip, vidu la rubrikon “Por spuremuloj” p11. (rimarko de la redakcio)

Esperante, ke mi donis al vi sufiĉe precizajn informojn, amike salitas Josip Pleadin (sekretario de Dokumenta Esperanto-Centro / DEC), Đurđevac (Kroatio)

27.04.201714:09

Kara samideano Josip,

kia agrabla hazardo! Gratulojn al vi pro la rapida solvo de tiu enigmo!
Kun multe da intereso mi legis kaj relegis vian kontribuaĵon, kiun mi evidente publikigos en la rubriko "Por spuremuloj" en la venonta numero. Eble la "Dokumenta Esperanto -Centro" enhavas pliajn trezorojn koncerne esperantan numismatikon...!?

Samideane, numismate kaj ege danke,

Bert

27.04.2017 14:26

Mi ĝojas, ke mia respondo estas utila por via revuo.
Jes, en DEC ekzistas ankoraŭ kelkaj nuntempe certe tre raraj insignoj, pri kiuj mi eble skribos al vi de tempo al tempo, kiam mi trovos sufiĉe da tempo por okupiĝi pri ili.
Amike salutas,
J. Pleadin

27.04.2017 22:11

Kara Josip,
mi jam ĝojas pri venontaj informoj pri esperantaj numismatikaĵoj kaj anticipe dankas vin!
Amike kaj numismate,

Bert nome de ENA

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

28.04.2017 18:33

Saluton,

mi bone ricevis ĉiujn ĝisnunajn numerojn de Esperanta Numismatiko. Pro laboraj kaj familiaj devoj mi ne jam sukcesis trafoliumi ĉiujn, sed tio kion mi jam legis, estas interesa.

Kun koraj salutoj,

André Ruysschaert

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

15.05.2017 21:18

Kara (juna) samidean(in)o,

mi legis anoncon pri la junulara festivalo ĉi-jare en Italio. Mi scias, ke la esperantaj gejunuloj kreis la neologismon "gufujo" pro kio mi kore gratulas! Krome ili uzas propran pagsistemon surbaze de "plastaj steloj".

Kiel iniciatoro de nova fakgrupo, Esperanto-Numismatika Asocio, ekde 2013, kaj ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko", mi ŝatus publikigi artikolon kun bildoj de la diversaj steloj. La numeron de la revuo mi certe sendos al vi perrete.

Jen miaj petoj ĉi-koncerne:

1 Ĉu vi povus priskribi al mi la historion de la ideo (re)uzi la stelan monunuon dum gejunulaj renkontiĝoj? Kiu estis la iniciatoro de tiu laŭdinda iniciativo? Kiel la sistemo estis organizita?

2 Ĉu mi povus mendi ĉiujn tipojn de la steloj (prefere du ekzemplerojn de ĉiu valoro) kompreneble kontraŭ pago de la objektoj kaj sendokostoj (al la konto de iu el vi). Mi volas aĉeti ilin por fotografigi ilin profesie por nia revuo kaj por aldoni ilin al mia propra kolekto de esperantaj moneroj kaj medaloj.

Mi antaŭdankas vin pro via respondo kaj deziras al la organizantoj de la festivalo multe da sukceso!

Samideane kaj numismate,
Bert Boon (en la nomo de ENA)

Aldone: informojn pri ENA

16.05.2017 23:19

Saluton,

IEJ ne estas fondinto de Steloj, nek respondeculo pri Stelaro-sistemo. Ni nur akceptas uzi la sistemon dum niaj festivaloj.

Se vi volas pliajn informojn pri, kontaktu ilin ĉe ilia retpoŝta adreso, stelaro.esperanto@gmail.com.
Vi ankaŭ povas viziti ilian Vizaĝlibran paĝon: https://www.facebook.com/plastamono/.

Esperinde, ili povos esti utilaj al vi.

Korajn salutojn,
IEJ

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

14.06.2017 15:10

Kara Bert,

Sub Esperanto-kulturo en Vikipedio mi trovis la jenon, sed ne komprenas la flavigitan tekston. Chu vi ?

Gufujo[bewerken |

🔍 Pli detalaj informoj troveblas en la artikolo Gufujo.

Esperanto-parolantoj kreas improvizitan sukeraĵejon (ankaŭ en luita spaco kaj ankaŭ en iu hejmo), uzante Esperanto-monon aŭ kupo-similajn erojn same kiel realan monon por pagi por manĝaĵo kaj trinkaĵo. Koncertmuziko, poeziolegado, aŭ literaturlegado estas kutimaj agadoj en tiaj kafejoj. Tiu kutimo ekestis en 1995 por kontrasti al la pli ofta kutimo de post-kongresa festado je drinkejo.

Sincere via,

Herman D.

16.06.201719:00

Kara Herman,

Laŭ mi oni legu "aŭ kupoN-similajn erojn…", do temas pri papera pagileto simila al bankbileto, do porokaza pagkupono.

Amike kaj numismate,

Bert

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

*A N O N C O J*

*&*

*E V E N T O J*




## Monato aŭkcias 25 orajn stelojn!

La ora monero de 25 steloj estas tre valora kolektindaĵo, ne nur inter esperantistoj, sed ankaŭ inter numismatoj en la tuta mondo. Ĝi pezas 50 gramojn kaj konsistas el 98,3 % da pura oro kaj do nur la oro jam valoras 1800 eŭrojn. De ĝi estis faritaj nur 10 numeritaj ekzempleroj. Ne estas konate, kiom da ili restas en la mondo, sed MONATO sukcesis akiri unu el tiuj dek ekzempleroj, en la originala kesteto, la moneron kun serinumero 7.

*MONATO* aŭkcias tiun oran moneron inter siaj legantoj. Se vi deziras aĉeti ĝin, sciigu al ora_stelo@monato.net kiun sumon vi pretas pagi por ĝi. La minimuma sumo estas 2500 eŭroj. Se via propono estos la plej alta, vi estos la feliĉa posedanto de tiu unikaĵo! La plej alta sumo ĝis nun proponita estos daŭre afiŝata en la paĝo www.monato.net/ora_stelo.php

La gajno de la aŭkcio estos uzata por la ordigo de nova Esperanto-domo en Antverpeno, kie MONATO estas administrata.

La aŭkcio daŭros ĝis la 1a de septembro 2017 je la 12a horo mez-eŭropa tempo. Se la gajninto de la aŭkcio ne estos paginta la proponitan sumon antaŭ la 1a de oktobro 2017, la monero estos proponita al la persono, kiu faris la due plej altan proponon.

Nur proponoj de personoj, kiuj klare montras sian nomon kaj adreson estos konsiderataj.



**Vidu ankaŭ Jarkolekton 3 Numeron 3 p. 6 por detala priskribo!**

# La Kolekto por Planlingvoj kaj la Esperantomuzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko. Havaĵoj kaj projektoj(2)

Bernhard Tuider

## 3. La Esperantomuzeo

La Esperantomuzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko estas mondskale unu el la plej tradiciriĉaj lingvomuzeoj kaj unu el la plej gravaj siaspecaj institucioj. Ĝi kolektas kaj prezentas diverstipajn materialojn kaj objektojn pri la temoj Esperanto kaj interlingvistiko. La muzeo estas fake, administre kaj space ligita kun la Kolekto por Planlingvoj, kiu dokumentas entute ĉirkaŭ 500 planlingvajn projektojn.

Per **moderna permanenta ekspozicio** en la Palais Mollard ĝi prezentas al vi la facetoriĉan historion de multnombraj planlingvoj. En la centro staras la plej sukcesa konscie kreita lingvo: Esperanto. **Interaktivaj komputiloj**, gravaj publicaĵoj, objektoj, afiŝoj kaj arkivaĵoj ilustre prezentas la vastan disvastiĝon kaj multflankan aplikon de la lingvo, ekde la publikigo de la Unua Libro 1887 ĝis la literaturproduktado kaj la Universalaj Kongresoj en la nuntempo.

## 4. La nova retejo de la Esperantomuzeo kaj la Kolekto por Planlingvoj

Antaŭ aŭ post sia vizito en la Esperantomuzeo kaj la Kolekto por Planlingvoj multaj vizitantoj informiĝas sur la retejo, kiu aperas ekde novembro 2016 tute modernigita. Koncizaj tekstoj, multaj bildoj kaj klara strukturo zorgas, ke vi ricevu pli facile kaj pli rapide deziritajn informojn, kiujn vi bezonas por viaj laboroj aŭ por via vizito en la Esperantomuzeo. Ĉi-kune ni donas al vi mallongan superrigardon pri la plej gravaj ŝanĝoj:

- La retejo estas adaptita, por ke vi povu klare legi ĝin sur diversaj iloj kiel (poŝ)komputiloj, tabulkomputiloj kaj saĝtelefonoj.

- Pro la nova menuo vi atingas pli facile la diĝitajn dokumentojn de la Kolekto por Planlingvoj kaj de la Esperantomuzeo – librojn, periodaĵojn, dokumentojn pri la Universalaj Kongresoj de Esperanto kaj pri la unua mondmilito.

- En februaro 2017 ni publikigis novan retpaĝon: okaze de la Zamenhof-jubileo ni celas ĉi-jare prezenti ĉiujn verkojn de Ludoviko Zamenhof (aperintajn ĝis 1930) el nia kolekto. 125 libroj jam estas libere kaj senpage legeblaj sur la retejo de la Kolekto por Planlingvoj. Kelkaj ankoraŭ sekvos dum la venontaj semajnoj.

- Sur la hejmpaĝo vi povas vidi interalie novaĵojn kiel novajn dokumentojn (ekzemple antaŭ- kaj postlasaĵojn en la Esperantomuzeo) kaj scienca blogo regule informas pri interesaj temoj rilate al Esperanto, planlingvoj kaj interlingvistiko.

La jaro 2017 alportas pluajn novaĵojn: en februaro la Esperantomuzeo en Vieno partoprenis ege interesan konferencon pri lingvo-muzeoj, kiu estis la unua tiuspeca aranĝo. En marto ni kvinobligis la spacon por libroj en la legsalono kaj tiel ni plialtigis la nombron de la libroj, kiuj tuj kaj daŭre estas disponeblaj por legantoj – kompreneble pere de la katalogo "Trovanto" ankaŭ la aliaj pli ol 35.000 libroj kaj periodaĵoj konservataj en la librokonservejo estas mendeblaj kaj legeblaj en la legsalono de la Kolekto por Planlingvoj.

Sammlung für Plansprachen und Esperantomuseum

der Österreichischen Nationalbibliothek

Palais Mollard, Herrengasse 9, 1010 Wien

Tel. +43-1-53410-730

Retadreso: esperanto@onb.ac.at

Retejo de la Kolekto por Planlingvoj:

https://www.onb.ac.at/eo/bibliothek/sammlungen/kolekto-por-planlingvoj/

Retejo de la Esperantomuzeo:

https://www.onb.ac.at/eo/museen/esperantomuzeo/

Ligilo al la publikaĵoj de Ludoviko Zamenhof (1887-1930):

https://www.onb.ac.at/eo/bibliothek/sammlungen/kolekto-por-planlingvoj/digitaj-dokumentoj/ludwik-l-zamenhof/

Ligilo al la publikaĵoj pri la Universalaj Kongresoj (1905-1939):

https://www.onb.ac.at/eo/bibliothek/sammlungen/kolekto-por-planlingvoj/digitaj-dokumentoj/universalaj-kongresoj-de-esperanto/

Scienca blogo: https://www.onb.ac.at/eo/forschung/forschungsblog/

Konferenco "Museum and Languages. Experimenting Language Exhibitions":

http://www.ldminstitute.com/en/news/museum-and-languages/

## 5. Bibliografio

Blanke, Detlev (2008, eld.): Plansprachliche Bibliotheken und Archive. Beiträge der 17. Jahrestagung der Gesellschaft für Interlinguistik e.V., 23.-25. November 2007 in Berlin (= Interlinguistische Informationen, Beiheft 15). Berlin: Gesellschaft für Interlinguistik.

Mayer, Herbert (2008): Eine traditionelle Bibliothek und neue Herausforderungen: Die Sammlung für Plansprachen der Österreichischen Nationalbibliothek. En: Blanke (eld.), 33-36.

Tuider, Bernhard (2015): La Kolekto por Planlingvoj kaj la Esperantomuzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko. Historio, havaĵo kaj esplorebloj. En: Ilona Koutny (eld.): Język, komunikacja, informacja 10. Numer specjalny Interlingwistyka i Esperantologia. Language, communication, information 10. Special issue on Interlinguistic and Esperanto Studies. Poznań: Wydawnictwo Rys, 184-195. http://jki.amu.edu.pl/files/JKI%20-%20tom%2010%20-%202015.pdf

Tuider, Bernhard (2015): Die Sammlung für Plansprachen und das Esperantomuseum der Österreichischen Nationalbibliothek. Bestände zum Thema „Die Plansprachenbewegung rund um den Ersten Weltkrieg“ im virtuellen Lesesaal. En: Cyril Brosch, Sabine Fiedler (eld.): Die Plansprachenbewegung rund um den Ersten Weltkrieg. Beiträge der 24. Jahrestagung der Gesellschaft für Interlinguistik e.V., 21 – 23. November 2014 in Berlin, Berlin: Gesellschaft für Interlinguistik, 25-35. http://www.interlinguistik-gil.de/wb/media/beihefte/22/beiheft22-tuider.pdf

Tuider, Bernhard: Nia Trezoro. La Viena muzeo. En: La Balta Ondo 22 Januaro (2016). http://sezonoj.ru/2016/01/trezoro-7/

Ĉu vi serĉas informojn pri filatelaĵoj, numismatikaĵoj aŭ aliaj esperantaĵoj? La Esperantomuzeo en Vieno estos por vigroto de Ali Baba!

Ni dankas nian peranton en la viena muzeo, Berhard Tuider, tutkore!

# Varbilo por ENA!

**Karaj membroj!**

**Bonvolu dissendi la suban tekston al plejeble multaj gesamideanoj kies retadreson vi konas. Nur tiel la nombro de ENA-anoj povos daŭre kreski. Via subteno estas bezonata! Ni anticipe dankegas vin!**

**Bert**

Kara samidean(in)o,

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la fakgrupo "Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo "Esperanta Numismatiko", probable la ununura tia fakgrupo en la historio de Esperanto.

La instiga fakto estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur kvar jaroj ĝis 82 individuaj membroj kaj 18 esperantaj organizaĵoj, bibliotekoj kaj muzeoj, dise en la mondo.

Agrable por ni kaj vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: "Mi konsentas aliĝi"). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn.(4 n-rojn jare).

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA 2016 sur p. 67. Se vi deziras kromajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be!

Vi rajtas unue peti provnumeron! Vi decidos poste!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"